Nal. poczt. opł. rycz.

# JUNA ESPERANTISTO

INTERNACIA MONATA — JUNULARA REVUO.

OFICIALA ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTO-JUNULARA ASOCIO.

Jaro I. Aprilo 1933. Nr. 3.

REDAKCIO-ADMINISTRACIO: KRAKÓW, LELEWELA 9 m. 2 (POLLANDO).

| Jarabonprezo en Pollando 4 zł.<br>» eksterlande 2.50 sv. fr | ĈEFREDAKTORO<br>EMIL MAYER. | PoŝtĈekkonto:<br>Kraków P. K. O. Nr. 413.944. |
|---|---|---|



Vizitu Budapeston
Kunveno de Skolta Esperantista Ligo 1-16 aŭgusto 1933 ĵamboreo.

## UNUECO FORTIGAS.

Estas malnova, sed tre vera proverbo, ke al la junularo apartenas la estonteco. Tiu validas precipe por ni, la esperantista junularo. Sed se ni volas posedi la estontecon, ni nepre devas unuiĝi. TEJA estu la idealo akcelota. Post longa krizo ĝi komencas refortiĝi sub la celkonscianta gvidado de la prezidanto kaj de la nova Centra Oficejo. Ĝi atendas nun la anonciĝon de landaj reprezentantoj kaj kunlaborantoj, sed ankaŭ aliĝojn multnombrajn de Esperanto-gejunularo kaj grupoj.

Kiel taŭgan kaj belaspektan ligogazeton ni nun havas »Junan Esperantiston«, la altkvalitan oficialan organon de TEJA.

La fundamento nun staras kaj dependas de la rada fervoro de la junaj geesperantistoj. Ĉu la konstruado progresas rapide aŭ malrapide.

Jen bona konsilo por la Esperantogrupoj diverslandaj: Donu al la junuloj de via loko propran konstitucion en formo de subgrupo, por ke ili laboru memstare sur la verda kampo de la juna mondo, kaj ili ĝoje kaj fervore laboros, varbos, konstruos propran dometon. Donu al ili ĉian eblan liberecon kaj post nelonge la maljunaj verduloj lernos de la junuloj koncerne fervoron kaj amon al la sankta afero.

Igu la novajn grupetojn aliĝi al TEJA, al la centro de la junulara movado kaj vi helpos per tio plugi la novan kampon, semi la verdan semon. La junuloj observas la kreskadon de la verdaj arboj kaj grave helpos al la fina venko de nia kara Esperanto.

*Theo Kutzli, Direktoro, de TEJA.*

# Karaj ne-junaj Samideanoj!

En la gejunularo kuŝas la nuna vigleco, estonta forto kaj definitiva triumfo de l'Esperanto-Movado. Kiu plej arde entuziasmiĝas pri nia afero? La gejunularo! Kiu plej obstineme esperas por plena sukceso? La gejunularo! Kiu neniam senkuraĝiĝas malgraŭ la plej severaj batoj? La gejunularo! Do kian movadon la esperantistaro devas antaŭ ĉio helpi kaj progresigi? La gejunularan!

Bedaŭrinda fakto estas, ke la gejunularo estas malriĉa kaj sekve malfacile povas mem subteni propran fortan asocion kaj ĝian organon.

Tutmonda Esperanto Junulara Asocio komencas sian dekkvaran vivjaron. Dank al nelacigebla klopodado ĝi sukcesis per novorganizo refortigi la asocion kaj akceli kiel oficialan nian organon. Sed la sukcesojn ni ĉefe nur atingis dank'al nejunula helpo.

Do ni alvokas la tutmondan esperantistaron kaj finfine diras: Ni bezonas nek vortajn aŭ skribajn kuraĝigojn, nek aprobojn, nek aplaŭdojn; ni bezonas iom da m o n o. Kiu deziras partopreni en la estonta triumfo de Esperanto, tiu subtenu la gejunularon, tiu monhelpu!

## Esperanto dum la klubkunvenoj.

Post finita kurso ordinare sekvas la malfacila sed grava laboro perfektigi la novakiritajn anojn, teni ilian intereson varma por konservi ilin por estonta daŭra kunlaboro. Tion ni povas fari se ni klopodos fari niajn kunvenojn kiel eble plej allogaj kaj samtempe instruaj Tiucele ni devas tion prizorgi, ke la novaj havu scion pri la ekzisto de la asocio Tial ni ne lasu la okazon agiti por T.E.J.A – S.E.L. La aliĝo estos ja tre malalta. Sufiĉe klare devas esti al ĉiu esperantisto, ke oni nur per organizo povas atingi rezulton. Ankaŭ tre grava estas, ke ĉiu el ili abonigu esp. gazeton, ĉar pere de ĝi ili havas ligilon kun tutmonda samideanaro kaj ĝi informados ilin pri ĉiuj okazintaĵoj en la Esperantujo.

Bedaŭrinde ni devas konstati, ke multaj esp. kluboj ne uzas dum la kunvenoj nian lingvon. Kial? La »novbakitaj« esperantistoj devas ĉiam aŭdi la lingvon, kaj speciale en la klubo, tial ke ĝi devas esti la ekzercejo.

Post kelkaj semajnoj la novaj estas invititaj al la klubo, kaj kion aŭdas, nacian lingvon anstataŭ Esperantistan!

Esperanta klubo devas labori tiel, ke la nacia lingvo estu konsiderata kiel fremda lingvo, Nur en tiuj kluboj, kie oni paralas esperante oni povas sperti viglecon.

# Se vi sincere deziras la prosperon de junulara esperantista movado ekabonu tuj nian revuon.

## LA PLUVERO.

**Michael Berkeley.**

Iam, sur la rando de nubo. sidis multaj pluveroj, atendante laŭvice malsuprenfali.

Kelkaj, same kiel iuj etaj infanoj, estis feliĉaj; kaj kelkaj, same kiel aliaj infanoj. aspektis malfeliĉaj.

»Por kio mi utilas?« grumblis maldika pluvero. »Mi estas tro malgranda por eĉ iomete malsekigi peceton da tero«, kaj ruliĝante tro proksimem al la rando, ĝi falis teren.

»Bonan tagon«! diris ranunkoleto, tre ĝentile. »Mi estas tre feliĉa vin vidi. La tutan tagon mi treege soifis, kaj mi estis tre varma. Nun, post via alveno, denove mi malvarmetiĝas, kaj la soifo jam malaperis.«

»Se! mi estas tiel malgranda« plendis la pluvero. »Se vi estus granda kaj dika, vi klinus mian kapon, kaj eble ĝi rompiĝus.« La ranunkoleto delikate balanciĝis pro la venteto, tiel ke la pluvero defalis al la supernrigardanta vizaĝo de lekanteto.

»Ho, tre kara pluvereto«! Kiel ĝoja mi estas, ke vi alvenis, ilustris la lekanteto »Mi forte soifas«.

»Mi baldaŭ malaperos« grumblis la pluvero, kiu plimalgrandiĝis.

La lekanteto ne respondis, sed nur suprenturnis la beletan vizaĝon al la suno, kiu vaporigis la pluveron, kaj denove metis ĝin sur la nubon.

Tiufoje, ĝi restis meze de la nubo, ne tro proksime de la rando, kaj tial ĝi falis ĝustatempe, kune kun la aliaj.

Malsupren kaj pli malsupren ĝi iris, ĝis ĝi falis en rivereton, kiu plaŭdetis tra la arbaro, kaj ĉiam lulkantetis.

Iafoje, la rivereto fluis trans ŝtonegojn; iafoje ĝi flankeniris ilin, sed ĉiam ĝi kantis, kaj fine la pluvero, kiu antaŭe estis parto de la rivereto, ankaŭ kantis.

Nur simpla kanto. Sed kiam la gutoj venis al la ŝtonoj, ili feliĉe ridis. Kelktoje, ili renkontis etajn ŝtonojn, kiujn ili portis laŭ la vojo. La ŝtonetoj grumblis kaj protestis, sed la rivereto nur ridis.

Survoje troviĝis folioj, kiuj flosis malrapide aŭ rapide, ĝis iu arbo, kliniĝis malalte por sin rigardi en la spegulo de la akvoj, fikse ilin kaptis.

»Kien ni iras?« la pluvero demandis al la rivereto. »Al la maro, por pligrandigi ĝin, por ke la grandaj ŝipoj povu veturi sur ĝi«

»Sed ni perdiĝos en la maro«, timeme diris la pluvero.

»Ĉu gravas? Ni estos farintaj nian devon. Se ni sencele malrapidus, sentante nin tro malgrandaj kaj senutilaj en la mondo, nenio ajn fariĝus. Min formas vi, pluvgutoj, kaj se vi restus tro longe en la nuboj, mi estus mizera kaj malgranda, povante nur malrapidi Kiam vi falas. mi larĝiĝas kaj plilarĝiĝas, kaj antaŭ ol mi atingos la maron, mi estos grandega kaj fortega. Estu feliĉa, eta pluvero! Nenio en ĉi-tiu mondo estas tute senvalora Utilas ĉiu devo plenumita kaj ĉiu bonfaro. Ni devas neniam retiriĝi sentante nin tro malgrandaj, sed kontraŭe, ni devas ĉiam antaŭeniri, kaj diri. »Mi faros mian eblon«.

La rivereto ĉesis paroli, kaj ekkantis korfeliĉe. La eta pluvero denove partoprenis la kanton, kaj kurante ĉirkaŭ kurbiĝon, la gutoj ridis ĝoje.

»Maren, maren«! Tio estis ilia kanto, kaj ili neniam laciĝis, ĝis ili atingis la grandegan maron, kaj pace sin verŝis en ĝin.

# Skolta Esperanto-Movado.

**Bona ideo pri utiligo de Esperanto.**

La hungara skolta Federacio starigis apartan fremdulgvidantan taĉmenton por 1933 kiu jam funkcias. En ĝi estu aparta esperantista skolt-gvidantaro.

Unu el la gvidantoj de la fremdulgvidada sekcio havas nun bonan ideon pri utiligo de Esperanto;

Kun ĉiu fremda skolta trupo venu almenaŭ unu skolto kiu, scias bone Esperanton ĉiu tia trupo ricevos en Hungarujo dum la ĵamboreo fremdulgvidantan skolton, kiu ankaŭ scias Esperanton. Tiamaniere tiu hungara esperantista skolto klarigos ĉion en Esperanto al la fremda trupo kaj la interpretisto de la trupo (la alilanda esperantista skolto) tradukos en sia propra nacia lingvo por siaj samlandanoj Tiuj do en propra lingvo bone aŭdos ĉion. Vi rimarkas, ke Esperanto estos grava kaj oficiala helpilo. Oni pensas, ke per Esperanto oni povus tion pli bone realigi, ol per aliaj fremdaj lingvoj, ekzemple angla.

La ideo estas bona, praktika. Sed grava estas ke ĉiu nacia skolt-ligo vere kunportu la necesan nombron de skoltoj, kiuj scias Esperanton. Do konigu tiun ideon tuj al via nacia skolta ligo, proponu esperantan instruadon aŭ memlernadon el libroj. Eble skoltgvidantoj kelkloke mem — aŭdinte pri tio — tuj lernos Esperanton, ke ili restu la interpretistoj ankaŭ por Esperanto.

Ni ne povas esperi, ke al la ĵamboreo venos miloj da esperantistoj, sed se venos nur unu-du kun ĉiu trupo, jam estas oficiala sukceso.

---

Oni sciigas nin, ke »la patro de skoltoj«, lordo Baden Powell anoncis sian viziton kun sia edzino kaj 600 anglaj skoltoj dum aŭgusto al la apud-Baltik-landoj (inter aliaj) Pollandon kaj Estonion, post la reveno de Mond-skolt-tendaro en Gödöllö. Tio estas unua vojo kiam la lordo Baden Powell vizitos tiujn-ĉi landojn (Red.)

Anglujo La semajna skoltina gazeto The Guide, komence de februaro enhavas esperantan paĝon.

Ĉeĥoslovakujo En skoltaj gazetoj »Tábortüz kaj slovaka« Skaut» oni ofte aperadas sciigojn pri skolta esp movado En unu el lasta numero de »Tábortüz« aperis artikolo »Ĥinujo-Japanujo amikiĝu per la skoltoj« tradukita de frato A. Csáder nia fervora S. E. L. - ano, el ununa numero de »Juna Esperantisto«. Gratulon!

*Grava decido pri konstanta disaŭdigado de la skolt-esperantista-programo en Ĉeĥoslovaka radiostacio.*

Dank' al la intigo de nia fervora, neniam lacigebla. hungara S. E. L repr. frato P Balkanyi oni decidis enkonduki unu-duonhoron por esp skolta-programo en la radiostacio Bratislava. La reĝisoro de la E programo s-ro pro-Jukl, vizitis nian fraton A. Csàder kaj anoncis sian konsenton pri dediĉo por tiu ĉi celo. Ne havante tempon prizirgi tion, frato A. Csàder interrilatis kun fratoj Macek kaj Kiss, kiuj akceptante proponojn, promesis serioze gvirdi kaj prilabori programon. La unua tia skolta-disaŭdigo okazos verŝajne la 24. IV je la 22 h. Espereble ĝi plaĉos al la tutmonda frataro!

Esp. skoltaj-kursoj okazas nuntempe en komarno, Roŝice, Prostejov, Bratislava [2], Novi Zamkij kaj en 4 plimalgrandaj lokoj.

Estonio. En Valk oni gvidis senpagan kurson de Esp por skoltoj ĉe (Kristana Societo de Junaj Viroj) gvidita de s-ro V. Tartlan. La kursanoj fervore jam korespondadas kun eksterlandanoj.

Fondiĝis esperanto skoltrondoj en Töwa (Torva, Rongu' Aakre.

Pollando. Pola S. E. L. agento interrilatis kun la estro de la Pola Skolta Asocio s-ro A. Olbromski kiu favoris Esperanton kaj rekomendis ĝian ellernon al ĉiuj skoltoj, kiuj vizitos ĵamboreon.

---

ringe-ronde apud la plaŭdanta riverfonto. La knabinoj bele manprenis unu la alian, proksimume 100 knabinoj estis, kaj tiel ili dancis en la rondo. En la mezo du knabinoj dancis, sed tiuj du knabinoj estis tiel belaj, kiajn hom okuloj ankoraŭ ne vidis. Hunoro kaj Magoro interrigardis kaj ankaŭ la aliaj bataluloj Ili diris nenion, sed ili tamen sciis, kion ili pensis.

Ili aliris al knabinoj kaj ĉiu elektis unu-unu el inter ili, kiel edzinon. Hunoro kaj Magoro kaptis tiujn du knabinojn, kiuj dancis en la mezo de la rondo. Ili estis filinoj de Dulo, kiu estis suvenero de Alanoj. Tiun el ili Hunoro kaj la alian Magoro edziĝis. Kaj post multaj, multaj jaroj el la gento de Hunoro devenis la Huna, el la gento de Magoro devenis la Hungara nacio.

La mirinda cervo montris do la vojon al hungara gento por trovi patrujan, genton. Nun ĝi montras al tutmonda junularo la vojon al nobla celo, la mondtendaro! Gi gvidu la homaron al pli bona estonto!

(El hungara tradukis Andreo Szikszay)

*Pri la insigno de la Jamboreo: la Mirakla cervo.*

Karaj fratoj, vi legis, ke la mirakla cervo gvidis la praulojn de la hungaroj - laŭ legendo - el malproksima Azio al direkto de Europo por serĉi novan patrujon. La hungaroj antaŭ pli, ol 1000 jaroj venis en sian nunan patrujon kaj defendis ĝin dum jarcentoj, vivis, laboris, suferis tie. Al reĝo Ladislao la Sankta aperis poste denove la cervo, sed ĝi jam havis krucon inter la kornaro. Ĉar la hungararo tiam jam ne volis konkeri, sed nur defendi kaj defendis dum jarcentoj sangaj okcidenteŭropanon konraŭ orientaj atakoj. La dua signo de la cervo: iri la vojon de kristanismo kaj defendi la kulturon! Kaj num denove ekaperas la mirakla cervo: ĝi estas insigno de la mondĵamboreo, okazonta en Gödöllö en 1933. Sed nun ĝi ne logas la hungarojn al bataloj, kontraŭe ĝi logas la filojn de la nacioj, kiuj ne kirason portas, sed la veston de la am-armeo. Gi ne vokas al batalo, al frata tendarado de amikeco. Ili venos ne kiel malamikoj, sed kiel amikoj, kamaradoj, fratoj.

La blanka cervo de la ĵamboreo signifas la amon, la amikecon, la fratecon! Gi ne estas jam nur hungara sed apartenas al la tuta mondo, ĉiuj popoloj povas trovi en ĝi sian intenan animon.

Do ni iru, kiel foje la kavaliroj kaj herooj de la prahungaroj, ne flankiĝante, ne konate ripozon. Ni iru plenkore post la mirakla cervo ĉar ĝi signifas nun tion, kio estas la plej grava en la mondo: la amon.

Kaj ni esperantistoj aldonu: ni iras la vojon de la blanka cervo portante la verdan stelon sur brusto kaj en la brusto, la stelon de la espero, ke ni komprenos unu la alian, kiel veraj fratoj kaj per tiu mirakla interkomprenigilo servos plej efike la realiĝon de la amo!

*Aleksandro Sik*

# Abonprezoj por „Juna Esperantisto“

sendu rekten al la administracio, per nacia papera mono aŭ internaciaj poŝtaj respondkuponojn aĉeteblaj ĉe vialoka poŝtejo aŭ U. E. A. resp. aĉeteblaj ĉe vialanda U. E. A.. delegito. Sendu en letero aŭ pere de internacia poŝtmandato Por poloj plej oportuna pagmaniero estas pere do nia poŝtĉekkonto P. K. O. Nr. 413.944.

Ni kore dankas al ĉiuj donacintoj por la subtena kaso, kiuj estas invitataj.

Krom al la eldonejo, oni povas pagi al la naciaj reprezentantoj. Sendante abonprezon al ili, bonvolu ĉiam aldoni »por abono de J. E.«

A n g l u j o (2 ŝ, 4 p.): S-ro Norman Booth, N e t h e r t o n - H u d d e r s f i e l d
Ĉ e ĥ o s l o v a k u j o (16 kr.): S-ro Aleks. Csáder, B r a t i s l a v a I. Zamoĉnicka 8.
E s t o n i o (2 Ekr.): S-ro Karl Joost, T a r t u, Vóru 74 5.
F r a n c u j o (12 fr) S-ro M. A. Boderau, 212 Bould J. J. R o u s e a u Le Mans (Sarthe).
G e r m a n u j o (2.-M.): S-ro A. Neupert, L e i p z i g N. 23., Wedelstr, 17.
H u n g a r u j o (24 p.): S-ro P. Balkanyi, B u d a p e s t 507.
S v i s l a n d o (2.50 fr.): Centra Oficejo de T.E.J.A. S-ro R. Kutzli St. G a l l e n Scheibenackerstr. 6.
S o v e t u n i o (1.-R.): S-ro Petro Surjanenko, V a l k i, Harkovska Oblast.
U s o n o (0 50 dol.): S ro H. Fazel, T o p e k a K a n s a s, 1122 West Eighth Street.
J u g o s l a v u j o (30 din.): S ro Lapenna Ivo, Z a g r e b, Primorska 11.
P o r t u g a l o (8 ess): S-ro Alberto Henrique de Sousa, Setubal, largo D ro. Francisco Soveral 4-3a.

## HUMORO.

### LA TAGMANĜO.

(Skolta sceno de Dro Geza Borka).

M a ĉ j o, junskolto: (eniras portante manĝopoteton en la mano. Li estas malbonhumora kaj murmurgrumblas).

Mmm... jam denove fabolegomo. Ankaŭ la pasintan semajnon ni havis tion. Se tiel daŭros, tiam ni baldaŭ ankaŭ kafmanĝos jam fabolegomon. (Li eksidas, manĝas.) Oni ĵetas sur ĝin peceton da viando kaj la tagmanĝo estas preta Ĉu tio ĉi estas viando? Ĝi estas tendenaĵo. Ie ĝi ja rompiĝos miaj dentoj.

Mia poŝtranĉilo eĉ ne tranĉas ĝin. Nu, bedaŭrinda stomako mia, per tio ĉi vi travos laboron. Dum la nokto mi denove sonĝos pri virbovoj, (Li ekĥaras ĝin). Ho, tiu ĉi malbenita kuiristo, tiu ĉi legomo estas krome eĉ brulumita! Sed kiom ĝi brulgustas! Ĉe la brulgustkonkurso ĝi gajnus la unuan premion (Li manĝas).

Tiun ĉi oni ne povas manĝi! Ĝi ja eliĝos el mia buŝo! (Li manĝos). Brr! Tiu ĉi ja ne suberinas tra mia gorĝo. Hah. (Li manĝas).

Hu, kial mi nur alvenis por tendi? Kial mi nur ne restis hejme? Ĉu mi bezonis tion ĉi? Li manĝas). Matene oni vekas la homon jam je la sesa horo. Ie la sesa! Ordviva homo nur tiam sin turnas al sia alia flanko. (Li manĝas), Poste la lavado en la rivereto! Brr. Ĝi estas tion malvarma, ke glacipecetoj naĝas en ĝi! Dio mia, hejme mi lavas min ĉirkaŭ la duono post la sepa en varmeta akveto. (Li manĝas). Poste ankaŭ miajn botojn mi devas mem purigi. Tiuj pli aĝaj skoltoj estas neniel ĝentilaj. Matene ili povus tiel bone purigi la ŝuojn de ni malgranduloj. Ili estas neniel ĝentilaj! (Li manĝas). Nu kaj jen estas la supro de ĉio, la fabolegomo! La fama fabolegomo! Ĝi estas tiom malmola, ke oni povas skulpti el ĝi statuon por la glorinda kuiristino, kiu ĝin elpensis Ĉu tio ĉi estas tagmanĝo? Nu dankon! Eĉ tian ĝi ne taŭgus al prudenta homo, se ĝi ne estus brulumita. Sed ĝi estas brulgusta! (Li manĝas). Terure, kia vivo estas tiu ĉi! Nia hundo hejme tartas pli bone Pri la kato mi eĉ ne parolu. Tiuj certe ne manĝus tian tagmanĝon. Sed ankaŭ mi ne estos tion stulta. (Li leviĝas). bataleme) Certe ne. Mi aliros la sinjoron trupestron kun tiu ĉi »minesciaskio« kaj mi ĵetoj ĝin antaŭ liajn piedojn! Ien, sinjoro estro manĝu ĝin, se vi povas nur tian tagmanĝon mendi! jes mi aliros lin. Certe! Foje devas jam ŝanĝiĝi tiu ĉi ne tolerebla situacio.

T r u p e s t r o (enirante): Nu, kio estas Maĉjo, fileto mia? Kial vi estas tiel kolera?

M a ĉ j o! Hehehe, sinjoro estro mi petas vin, mi ne estas kolera.

T r u p e s t r o: Ĉu la tagmanĝo estis bona?
M a ĉ j o: Jes, bonega ĝi estis, sinjoro estro!
T r u p e s t r o: Ĉu vi ŝatas la fobolegomon?
M a ĉ j o: Certe, mi petas. Mi tre ŝatas ĝin.
T r u p e s t r o: Ĉu ĝi bongustis al vi?
M a ĉ j o: Certe ĝi bongustis. Nur...
T r u p e s t r o: Nur?
M a ĉ j o: Nur ĝi estis iom. . iom malmulta.
T r u p e s t r o: Nu venu, ni ankoraŭ skrapkolektos 1 - 2 kulerplenon.

(Ambaŭ foriras)

El la hungara tradukis:
A l e k s a n d r o C s á d e r

## KORESPONDADO:

S-ro Ernest Belinfante, stud., Banstraat 22, D e n H a g, N e d e r l a n d o.

Pollando. S-ro Henryk Białoszewski, Warszawa Wschodnia. Gł. Warsztaty kolejowe.

Pollando. S-ro Hećko Jan, Kraków, Barakowa 7, m. 12.

Pollando. S-ro Herbert Paruzel, kolegio XX. Oblatoj 20. en Lubliniec Pola Silezio, pri literaturo.

S-ro Max Thoma, stud. kun rusoj: Adr. Rorŝaĥerstr. 139, St G a l l e n, S v i s l a n d o.

Belgujo. Solskolto Jacques Broussier, »Ses Boclettes«, Villers-b-Jambon — kun tutmondaj skoltoj.

Redaktor odpowiedzialny i wydawca: Emil Mayer. Drukarnia »REKORD«, Kraków Lenartowicza 6.